ĉiu revuo 8 € - 6 numeroj jare - oktobro 2010 (3) - n-ro 23
ISSN (papere): 1647-6980

# La Karavelo

*internacia kultura magazino en esperanto*

**Kiuj estas la tupioj?** ⇧ **paĝoj 20-21**

**Kie kaj kiel ili vivis kaj vivas?**



La Karavelo

Beletra Esperanto-Revuo pri la Portugallingva Literaturo

Fondita de João José Santos, en Portugalio, en oktobro 2007

Unua kovrilkapo de La Karavelo

# Enhavtabelo





*La Karavelo*
*esperanto-eldonejo*

## Informoj pri La Karavelo

Informiĝu per la LK-Katalogo el www.lakaravelo.com
Se vi plu havas dubojn, skribu al lakaravelo@gmail.com

## Subteno de La Karavelo

Jen kiel vi povas subteni La Karavelon:
Abonu ĝin. – Aĉetu ĝiajn librojn. – Diskonigu ĝin.
Donacu varojn el La Karavelo.
Skribu aŭ vizitu niajn anoncantojn gratulante ilin pri anoncado sur niaj paĝoj.



**La Karavelo**
*esperanto-eldonejo*


Preferinde kontaktu La Karavelon ĉe
**lakaravelo@gmail.com**

***Adreso***
Dr. João José Santos
Rua Damasceno Monteiro, 21-B, r/c dto.
1170-109 Lisboa – Portugal

***Telefono*** (+351) 218 127 801
***Fakso*** (+351) 218 127 801 (telefonu antaŭe)
***PoŝTel.*** (+351) 960 131 515

**www.lakaravelo.com**



**ISSN (papera):** 1647-6980
**ISSN (DVD):** 1647-6999
**ISSN (reta):** 1647-3353

**Leĝa Depono en "Biblioteca Nacional de Portugal"**
301472/09

**Papera versio:**
ĉiu revuo: 8 € + sendokostoj
jara abono (6 revuoj): 48 €
(LK donacas la sendokostojn)
**Pdf-versio (neprintebla):**
ĉiu pdf-dosiero: 3 €
jara abono (6 pdf-oj): 12 €

**konsultu la LK-Katalogon ĉe**
www.lakaravelo.com




## *Konstantaj Kunlaborantoj*

***Konstantaj verkistoj...***
Djalma Pessata (Brazilo)
Eduardo Novembro (Portugalio)
Geraldo Mattos (Brazilo)
Gerrit Berveling (Nederlando)
João José Santos (Portugalio)
Leo De Cooman (Belgio)
Luiza Carol (Israelo)
Nikolaj Neĉaev (Rusio)
Roberto Ribeiro (Brazilo)
Roger Gotardi (Brazilo)
Valentin Melnikov (Rusio)

***Revizias kaj kunhelpas***
Cindy McKee (Usono)
Kurt Fischer (Germanio)
Luiza Carol (Israelo)
Roger Gotardi (Brazilo)
Túlio Flores (Brazilo)
Valentin Melnikov (Rusio)

***Fondis, Direktas, redaktas, kompostas***
João José Santos (Portugalio)

# KAMPANJO POR DONACO DE LIBROJ *Esperanto em 30 horas* AL LA ANGOLAJ ESPERANTISTOJ

## *Fina Rezulto*

*el la redaktejo*

(foto: Luando, ĉefurbo de Angolo – el Vikipedio)

Finiĝis la Kampanjo por Angolo. La rezulto ne estis granda, sed preferindas, ke la angolanoj havu kelkajn pliajn lernolibrojn, ol ke ili havu nur unu por la tuta klaso.

La Karavelo elkore dankas al ĉiuj, kiuj bonvoleme partoprenis en ĉi tiu kampanjo. Certe multaj aliaj ŝatus helpi, sed ĉiuj komprenas, ke ne ĉiam tio estas ebla.

Jen do la rezulto de niaj streboj:

| | | |
|---|---|---|
| **Esperanto em 30 horas** | **3** | **anonimulo i114** |
| **Esperanto em 30 horas** | **2** | **João José Santos** |
| **Esperanto em 30 horas** | **1** | **anonimulo i013** |
| **Esperanto em 30 horas** | **1** | **Haldo Vedin** |
| **Esperanto em 30 horas** | **1** | **Luiza Carol** |
| **Rakontoj por ĉiuj aĝoj** | **1** | **Luiza Carol** |
| **Liberaj tempoj** | **1** | **Eduardo Novembro** |
| **LK - vol. 1 (1-6)** | **5** | **João José Santos** |
| **LK - vol. 2 (7-11)** | **5** | **João José Santos** |
| **LK - vol. 3 (12-19)** | **5** | **João José Santos** |
| **LK n-ro 20** | **2** | **João José Santos** |
| **LK n-ro 21** | **2** | **João José Santos** |
| **LK n-ro 22** | **2** | **João José Santos** |
| **LK n-ro 23** | **2** | **João José Santos** |

Entute AngEA ricevos 10 librojn, 15 revuvolumojn kaj 8 revuojn. **Nun La Karavelo petas, ĉu iu havas solvon irigi la pakaĵon al Luando al s-ro Kinkani Ferdinand.**

La distribuo de ĉi tiuj libroj kaj revuoj okazos laŭ kriterioj de s-ro Ferdinand, prezidanto de Angola Esperanto-Asocio. La Karavelo nur petas, ke la libroj kaj revuoj estu donacataj al la du instruistoj, Ferdinand kaj Cláudio, kaj al nepagipovaj gelernantoj de esperanto. La instruado de esperanto, samkiel aliaj lingvoservoj, devas esti pagata de la interesatoj, do ĉi tiaj kampanjoj celas ĝuste la homojn, kiuj ne povas pagi.

★


Kinkani Ferdinand (maldekstre) kaj João Cláudio (dekstre) kun la esperanto-klaso en Angolo. (foto cedita de Kinkani Ferdinand)





*João José Santos*

joaojosesantos@gmail.com

# Tre Parolataj Lingvoj

## Prologo

Grandaj lingvoj, malgrandaj lingvoj. Kio estas tio?

Antaŭ multaj jaroj, kiam mi respondadis al iuj, ke mi studas la latinan, la helenan kaj la egiptan lingvojn, tre ofte la homoj reagis dirante: Ho jes!, mortintaj lingvoj! Tiam mi preskaŭ koleris, ĉar mi neniam trovis en la participa adjektivo "mortinta" adekvatecon por karakterizi lingvon. Tamen, ia virto ekzistas en tiu penso. Se ekzistas mortintaj lingvoj, tio signifas, ke oni agnoskas, ke lingvo estas dinamika ento, do vivanta, kiu bedaŭrinde povas ankaŭ morti.

Similan reagon mi sentas, kiam esperantisto parolas pri "granda lingvo".

Agnoskante, ke la terminoj ekzistas, kaj do oni ne povas ŝajnigi, ke ili ne ekzistas, restas do la diskutado pri kio estas "granda lingvo".

## La pezo de la nombro

Kio estas granda homo? Ĉu homo dumetra aŭ homo, kies agoj mirigas onin pro saĝeco kaj bonkoreco?

Kio estas granda lando? Ĉu lando, kies teritorio estas enorma, aŭ lando multmerita pro ĝia rilato kun la aliaj landoj kaj pro ĝia historio, artoj, sciencoj kaj faritaĵoj?

Kio estas granda lingvo? Ĉu lingvo parolata de multaj milionoj da homoj? Kaj se ĉiuj tiuj homoj estas analfabetaj aŭ semianalfabetaj, ĉu tiu lingvo estas granda?

## La portugala - tre parolata lingvo

Kiom da lingvoj ekzistas en la mondo? Tio dependas de la koncepto pri lingvo, kaj tio do dependas, ĉu iu lingva sistemo estas dialekto aŭ aparta lingvo.

Laŭ kelkaj, ekzistas 6.000 lingvoj en la mondo. La statistikoj de UNESCO, de antaŭ 20 jaroj, ankoraŭ restas en mia memoro. Laŭ tiu internacia organizo, en la mondo ekzistas 3.000 lingvoj. Tamen, tiu nombro ne tre gravas por la nuna diskuto.

Inter tiuj 3.000 (aŭ 6.000) lingvoj, la portugala estas la 5-a plej parolata, kiel denaska lingvo. Tiu alta pozicio ŝuldiĝas al la ĉirkaŭ 200 milionoj da brazilanoj. Portugaloj, angolanoj, mozambikanoj, gvinebisaŭanoj, kaboverdanoj, santomeprincanoj, orient-timoranoj kaj portugallingvaj komunumoj disigitaj tra la tuta mondo estas nur kelkaj dekoj da milionoj da portugallingvaj parolantoj.

La 5-a pozicio, kiel lingvo denaske plej parolata en la mondo, certe donas al la portugala la epiteton "unu el la plej parolataj lingvoj en la mondo". Tamen, ĉu pro tio ĝi estas "granda lingvo"?

## La portugala - granda lingvo

De antaŭ 900 jaroj, la portugala estas uzata kiel literatura lingvo. Dum tiuj 900 jaroj, miloj kaj miloj da homoj verkis en ĉiuj ĝenroj en ĉi tiu lingvo. Enormaj poetoj verkis en ĝi. Ju pli oni verkas en iu lingvo, des pli oni evoluigas tiun lingvon, kreante en ĝi efektivajn rimedojn por esprimi pli kaj pli adekvate la homan penson. Lingvo tiel preparita povas rigardi la estonton kun rideto, sen timo, sciante, ke la fortiko de sia pasinto estas la sekura bazo por sin adapti al iu ajn estonto, al iu ajn civiliza defio.

Lingvo estas kvazaŭ komputila sistemo kun hardvaro kaj softvaro. La hardvaro estas la nunaj homoj uzantaj ĝin, la papero, la diskoj kaj aliaj manieroj registri ĝin. La softvaro estas la tuta kulturo kreita en tiu lingvo kaj... la lingvo mem.

La grandeco de la portugala estas kia la grandeco de homo. Ĝi ne dependas de homa nombro, sed de valoroj kaj kulturo kreitaj en ĝi.

Bedaŭrinde, en la komenco de la 21-a jarcento, ankoraŭ oni pensas brute, ke la



granda nombro estas ĉio, ne rigardante al la kvalito de la elementoj, kiuj konsistigas la multnombron.

### Aliaj lingvoj

Se la grandeco de la lingvoj dependus de nombro de parolantoj, oni povus aserti, ke la latina, la helena, la greka kaj multaj aliaj lingvoj estus malgrandaj lingvoj. Neniu homo minimume klera dirus tion.

La latina kaj la helena, apenaŭ parolataj nuntempe de kelkaj intelektuloj en la tuta mondo, estas sendube grandaj lingvoj. La legado de ilia literaturo plu inspiras klerajn homojn de ĉiuj tempoj.

La greka, nun denaske parolata de 17 milionoj da homoj, estas granda lingvo pro la motivoj antaŭe klarigitaj. Ĝi estas evoluinta lingvo, kiu rekte elradikiĝas el la helenkomuna helena lingvo.

Alvenante al ĉi tiu punkto, eĉ kiam lingvo estas malgranda, oni trovas etikan problemon ĝin konsideri tia, ĉar oni malvalorigus la kulturon de la popolo ĝin parolanta, kaj tio entute ne estas justa, nek bela.

### Epilogo

Espereble do, la esperantistoj estu pli ekzaktaj en sia esprimivo. Kiam oni parolos pri "granda lingvo", pli juste oni vortumigu la koncepton per la esprimo "tre parolata lingvo".

Kiam mi estis infano, aŭdinte la esprimon "tre granda", fizike aplikata al homo, la saĝaj olduloj tuj korektis la infanojn montrante, ke grandeco ne dependas de alteco nek de forteco. Sed ili diris tion laŭ maniero tre esprimiva:

- Grandaj estas la azenoj!





# Mesaĝo

## de Fernando Pesoo

**João José Santos**
trad. el la portugala

### Lasta Poemo

### TRIA PARTO – 3: LA TEMPOJ – 5-A: NEBULO

(kun kompara studo de la traduko uzante aliajn lingvojn)

***origine en la portugala...***

| | |
|---|---|
| Nem rei nem lei, nem paz nem guerra, | a-2-4-6-8 |
| Define com perfil e ser | b-2-4-6-8 |
| Este fulgor baço da terra | a-1-4-5-8 |
| Que é Portugal a entristecer - | b-2-4-6-8 |
| Brilho sem luz e sem arder, | b-1-4-5-8 |
| Como o que o fogo-fátuo encerra. | a-2-4-6-8 |
| | |
| Ninguém sabe que coisa quere. | c-1-3-6-8 |
| Ninguém conhece que alma tem, | d-1-3-6-8 |
| Nem o que é mal nem o que é bem. | d-1-3-6-8 |
| (Que ânsia distante perto chora?) | e-1-4-6-8 |
| Tudo é incerto e derradeiro. | f-2-4-6-8 |
| Tudo é disperso, nada é inteiro. | f-2-4-6-8 |
| Ó Portugal, hoje és nevoeiro... | f-1-4-6-8 |
| | |
| É a Hora! | 1-3 |

*Valete, Frates.*

***en esperanto...***

| | |
|---|---|
| Ne reĝ' nek leĝ', ne pac' nek male | 2-4-6-8 |
| Difinas je kontur' kaj esto | 2-4-6-8 |
| Brilon senbrilan de la tero | 1-4-6-8 |
| Portugalia tristiĝanta - | 2-4-6-8 |
| Brilo sen lumo ne ardanta, | 1-4-6-8 |
| Similas tiun de l' vaglumo. | 2-4-6-8 |
| | |
| Neniu scias kion volas. | 2-4-6-8 |
| Neniu si-animon konas, | 2-4-6-8 |
| Nek kio bonas aŭ malbonas. | 2-4-6-8 |
| (Anksio fora ĉe ni ploras!) | 2-4-6-8 |
| Malcertas ĉio kaj lastegas. | 2-4-6-8 |
| Nenio tutas, ĉio disas. | 2-4-6-8 |
| Portugali'!, nun vi nebulas... | 1-4-6-8 |
| | |
| Jen la Horo! | 1-3 |

*Valete, Frates.*
(el lat.: Fartu bone, Fratoj.)

**Rimarkoj -** Senco: ĝusta Ritmo: zorgata Rimo: senzorga Noto: studinte ke la plej ofta ritmo de la originaĵo estas 4-6-8, oni pedante restigis ĝin, esplorante la eblecojn de esperanto en la duagradaj silaboj.

***en la hispana...***

| | |
|---|---|
| Ni rey ni ley, ni paz ni guerra | a-2-4-6-8 |
| definen con perfil y ser | b-2-4-6-8 |
| este fulgor pardo de tierra | a-1-4-5-8 |
| que es Portugal entristeciendo: | c-2-5-6-9 |
| brillo sin luz y sin arder, | b-1-4-5-8 |
| como el que el fuego fatuo encierra. | a-1-4-6-11 |
| | |
| No sabe nadie lo que quiere. | d-2-4-6-8 |
| Nadie conoce qué alma tiene, | e-1-4-6-7-9 |
| ni lo que es mal ni lo que es bien. | f-1-3-6-8-10 |
| (¿Qué ansia distante cerca llora?) | g-2-4-6-8 |
| Todo es incierto y es postrero. | h-1-3-5-8-10 |
| Todo disperso, nada entero. | h-1-4-6-9 |
| Oh Portugal, hoy eres niebla... | i-1-4-5-6-8 |
| | |
| ¡Ésta es la Hora! | 1-3-5 |

**el** *Mensaje*, Fernando Pessoa, trad. Jesús Munárriz, Ediciones Hiperión, S.L., Madrid, 1997.

**Rimarkoj -** Senco: ĝusta Ritmo: senzorga Rimo: senzorga Noto: facile oni vidas, ke ia rim- kaj ritmosimileco okazas nur pro la natura simileco inter la portugala kaj la hispana lingvoj.

***en la angla...***

| | |
|---|---|
| Neither king nor law, neither peace nor war, | 1-3-6-8-10 |
| Define with outline and substance | 2-4-6-8 |
| This dull brilliance of the land | 1-3-5-7 |
| That is Portugal sinking in sadness - | 1-3-6-9 |
| Brightness without light or heat, | 1-4-5-7 |
| Like that which the will-o'-the-wisp confines. | 2-5-8-10 |
| | |
| Nobody knows what one wants. | 2-4-6-7 |
| Nobody is aware of one's own soul, | 2-4-6-8-10 |
| Nor of what is evil, nor of what is pure. | 1-3-5-7-9-11 |
| (What distant anxiety weeps nearby?) | 1-5-8-11 |
| All is uncertain and ultimate. | 2-4-6-9 |
| All is fragmented, nothing is whole. | 2-4-6-9 |
| Oh Portugal, today you are mist... | 1-2-6-9 |
| | |
| 'Tis the hour! | 1-3 |

**el** http://www.historia.com.pt/Mensagem/Encoberto/nevoeiro.htm#ingles

**Rimarkoj -** Senco: ĝusta Ritmo: senzorga Rimo: senzorga Noto: preferindus traduki ĉion en la ritmon 4-6-10; tamen, oni respektis la sencon kaj tropojn, do eĉ tiel la traduko sufiĉe bonas.

* Dankon al Cindy McKee pro ŝia helpo pri la angla.





### *Aleksandro Mitin*

Naskiĝis en 1985, kaj ĉiam loĝis en Niĵnij Novgorod, Rusio. En 2008 diplomiĝis kiel ĥemiisto (magistro), kaj en la sama jaro esperantistiĝis. Tio okazis subite. Iun aprilan vesperon ial venis la penso: "Kial do ne provi ĝin lerni?" Kaj esperanto tute absorbis lin. Komencis traduki versaĵojn por lerni novajn vortojn, provis laŭvorte, poste rime. La metodo evidentiĝis tre bona, kaj la procezo tre agrabla. Ekde la fino de 2009 ankaŭ verkas proprajn versaĵojn.

#### *D u o b l e   r i m a*

**Rimo estas la versaĵa deco –**
**Rimarkindas ĝia belsoneco.**

**Devas brili la priskribo rima**
**De vasteco monda aŭ anima.**

**Trovi taŭgan rimon ne facilas –**
**Tro vi ŝvitis – sed la strof' ne brilas:**

**Ne kongruas vortoj aŭ akcentoj,**
**Nek alfluas, nek flamiĝas sentoj…**

**Ĝis troviĝos taŭga rim' – laboru.**
**Ĝi striktecon petas - do memoru!**

**Lasu indulgetojn dum vi penas:**
**La sukceson fuŝo ĉiam ĝenas.**

**Provon misan sekvas nova provo,**
**Pro volupta far' pliiĝas povo,**

**Sekve refaradon vi ne timu,**
**Se kvalito mankas – do rerimu,**

**Kaj eraron, mison vi korektu.**
**Kajeraron kun verkar' kolektu.**

**… Fine verkojn legos redaktoro,**
**"Fi, ne taŭgas" – diros sen favoro.**

#### *P l u m o   k a j   p e n i k o*

**Ĉu abstrakta idiomo**
**Povas krei artan belon?**
**Ĉu ekvidos iu homo**
**En la versoj maron, velon?**

**Iam lasos mi lirikon,**
**Senkoloran mondon lasos.**
**Iam regos mi penikon,**
**Plumon mian mi frakasos.**

#### *O k t o b r o*

**Oktobro. Ankoraŭ salutas la suno**
**Nin, kiam ni iras al hejm' post labor'.**
**Ankoraŭ varmigas la "ora aŭtuno"**
**Restaĵojn de viglo en kor'.**

**Sed baldaŭ taglumon forpelos obskuro –**
**Tro frua okazos por ni sunsubir',**
**Kaj ĝis la printemp' endormiĝos naturo**
**Kaj koro, kaj vol', kaj dezir'…**

**Kaj ie ekzistas la urbo gastama,**
**Staranta ĉe l' rando de la kontinent',**
**En kiu veter' estas nun preskaŭ sama –**
**Aŭ suno, aŭ pluvo kun vent'.**

**Sed baldaŭ ne venos malvarma vetero,**
**Kaj poste ne reĝos neĝfrosta reĝim'**
**En l' urb' adorinda, plej plaĉa sur Tero,**
**Kun ĉiam inspira anim'.**



### *Nikolaj Neĉaev*

#### *O k t o b r a   v e s p e r o*

**Min ravas vespera belec':**
**Unuaj steletoj en bluo**
**Kaj helo de flava lunpec'.**

#### *P l u v a   m e l o d i o*

**Nur povas komponisto sur papero fiksi fluon,**
**Rakonti muziknote sian revan evoluon.**
**Rakontas li piane en koncerta granda halo**
**Pri flua, melodia, diafana, guta falo.**





**Gerrit Berveling**
trad. el la Latina

# Letero al Dezideriо

**de Hieronimo[1]**

omaĝe al Trevor Steele,
kiu festas sian 70-jariĝon

Kun multe da plezuro, mia kara Dezideriо, mi ricevis vian leteron, de vi, kiu same kiel Daniel per feliĉa aŭguro ricevis nomon, kiu indikis, kiu vi devis fariĝi[2]. Vi petis min, ke mi traduku en la Latinan el la Hebrea por la oreloj de niaj eklezioj la Pentateŭĥon[3]. Nepre riska afero, kiu min elmetos al la bojado de miaj kritikantoj. Kvazaŭ prijuĝante intelektan laboron same kiel la vinon, ili riproĉas al mi, ke mi nur celas moki la sepdek tradukintojn[4], se mi donas ion novan anstataŭ la malnovaj formoj. Fakte oftege mi atestis, ke laŭeblece mi celas nur kontribui al la beligo de la tabernaklo de Dio, kaj ke kelkies malriĉeco neniamaniere deprenas de la riĉaj donacoj de aliaj.

Ke tion ĉi mi kuraĝis entrepreni, mi lernis de la ekzemplo de Origeno, kiu faris miksaĵon de la traduko de Teodotiono kun la malnova versio[5], dum per asteriskoj kaj obelusoj, t.e. per steletoj kaj streketoj li prinotis la tutan verkon, ĉu atentigante, kio anticipe mankis aŭ kion necesis forigi kiel superfluaĵon, precipe en lokoj, kiujn la evangeliistoj aŭ apostoloj aŭtoritatigas, ĉar ĉe tiuj ni legas multe[6] el la Malnova Testamento, kion niaj kodeksoj ne enhavas, kiel ekzemple: "El Egiptujo Mi vokis Mian filon", "Li nomiĝos Nazareo", "Ili rigardos al li, kiun ili trapikis", "Riveroj da vivanta akvo fluos el lia ventro", "Kion neniu okulo vidis, nek orelo aŭskultis, nek en homan koron iam ajn leviĝis – tion preparis Dio por homoj kiuj Lin amas", kaj multe da aliaj tekstoj, kiuj meritas propran traktaĵon. Ni demandu do al la homoj, kiuj tiom atakas min, ke ili klarigu, de kie devenas ĉi citaĵoj; kaj se ili ne kapablas tion diri, ni montru al ili, ke ili venas el la Hebreaj libroj. La unua estas el



Hieronimo (347-420) - tradukinto de *Vulgato*

---

[1] Tiun ĉi leteron de Hieronimo (ĉ. 347-420), la tradukinto de la *Vulgato* – la famega Latina versio de la Biblio – oni poste uzis kiel enkondukon por la traduko de la *Pentateŭĥo* = la *Torao*.

[2] Dezideriо – nomo kiu laŭ Hieronimo jam antaŭdiris, ke li fariĝos dezirata, do amata persono. La nomo Daniel aludas al *justa verdikto*. Vidu la enhavon de la samnoma libro.

[3] La *Kvinlibro Mosea*, alivorte la *Torao*: Genezo, Eliro, Levidoj, Nombroj kaj Readmono.

[4] La tradukintoj de la **juda** Greka *Septuaginto*, kiun laŭ pia rakonto verkis sepdek homoj samtempe. Ĝi estiĝis en Aleksandrio Egipta; la nuna Ortodoksia Eklezio de Grekujo ankoraŭ uzas ĝian tekston en la Biblio.

[5] Teodotiono (Θεοδοτιών, ĉ. 200 p.Kr.) estis helenisma juda fakulo, kiu probable laboris en Efezo kaj faris propran tradukon de la Hebrea biblio en la Grekan. La celata "malnova versio" ĉi tie estas la Septuaginto.

[6] Da citaĵoj.

Hoŝea[7], la dua el Jesaja[8], la tria el Zaĥarja[9], la kvara el Sentencoj[10], la kvina el Jesaja[11]. Ĉar multaj tion ne scias, ili prefere sekvas la deliraĵojn de apokrifoj kaj la kantaĉojn <diskonigitajn en> Hispanujo ol la aŭtentajn librojn. Ne estas mia tasko, klarigi tiujn teksterarojn[12]. La Judoj diras, ke tio estis farita intence, por ke Ptolemeo, kiu adoris unu solan Dion, ne kredu, ke la Hebreoj mem adoris du Diojn[13], dum ilin li taksis plej alte, ĉar <laŭ li> ili ŝajne tendencis al la instruo de Platono. Kiel ajn, ĉie kie la Sankta Skribo atestas ion sanktan pri la Patro, la Filo kaj la Sankta Spirito, ili aŭ alimaniere interpretas tion aŭ komplete preterpasas silente, por plaĉi al la reĝo kaj ne diskonigi la misterojn de la religio.

Mi ne scias, kiu unua inventis certan fabelon, ke en Aleksandrio oni konstruis sepdek ĉelojn, en kiuj ĉiuj <tradukistoj> memstare skribis ekzakte la sam<an tradukon>, dum la gardistestro de tiu sama Ptolemeo, Aristeo[14], kaj multe pli poste ankaŭ Jozefo[15] tute ne raportas ion tian; sed laŭ ili kunigitaj en unu baziliko ili verkis sian tradukon, kaj ne agis profetece[16]. Estas granda diferenco inter profeto kaj tradukisto: tiu sub Dia inspiro antaŭdiras estontaĵojn, sed ĉi tiu surbaze de sia erudicio kaj lingva kapablo transdonas, kion li komprenis. Krom se prefere oni diru, ke Cicerono per Dia retora inspiro transdonis la *Ekonomiko*[17] de Ksenofono, la *Protagoro* de Platono aŭ la *Por Ktesifono* de Demosteno, aŭ ke la Sankta Spirito inspiris kelkajn tekstojn de la samaj libroj malsame al la sepdek tradukistoj ol al la apostoloj, tiel ke kion ili prisilentis, tion la aliaj false citis kvazaŭ tie verkitan.

Kio do? Ĉu ni kondamnas la praulojn? Tute ne; sed en la domo de l' Sinjoro ni laboras post la laboro de la antaŭaj. Ili interpretis[18] antaŭ la alveno de Kristo kaj kion ili ne komprenis, ili transdonis per malklaraj frazoj, sed nun, post lia sufero kaj resurekto, ne tiom profetadon sed historion ni tradukas; ĉar kion oni vidis, oni rakontas malsame ol pri kio oni <nur> aŭdis. Ĉar pli bone ni ĝin komprenas, pli bone ni redonas ĝin.

Aŭdu do, ĵaluzulo, kritikanto, aŭskultu: la Septuaginton mi ne kondamnas, nek kritikas, sed plenkonfide mi preferas la apostolojn super ili. Ĉar per ties buŝo sonas por mi la Kristo. Ilin mi legas, ĉar en la spiritaj ĥarismoj ili staras antaŭ la profetoj, kaj la tradukistoj venas apenaŭ je la lasta vico. Kial vi torturiĝas per ĵaluzo? Kial vi incitas animojn de sensciuloj kontraŭ mi? Se vi kredas, ke mi eraras en mia traduko, serĉu en la Hebreaj tekstoj, konsultu instruistojn en la diversaj urboj: kie tiuj tekstoj parolas pri la Kristo, tie tio mankas en viaj kodeksoj. <La Judoj> jam havis kiel aŭtentajn la tekstojn, kiujn la apostoloj poste uzis kontraŭ ili, kaj la Latina versio estas pli fidinda ol la Greka, kaj la Greka ol la Hebrea!

Tion ĉi mi devis diri kontraŭ la enviuloj. Kaj nun, karega Dezideria, mi petas vin, ke vi kiu instigis min entrepreni tiun ĉi gigantan laboron, kaj kiu diris ke mi komencu ĉe Genezo, subtenu min per viaj preĝoj, por ke en la sama spirito en kiu ili estis verkitaj, mi povu traduki ilin Latinen.






[7] Mateo 2:15; Hoŝea 11:1.

[8] Mateo 2:23; Jesaja 11:1. La cito ne estas klara.

[9] Johano 19:37; Zaĥarja 12:10.

[10] Johano 7:38; Sentencoj 18:4.

[11] 1 Korintanoj 2:9; Jesaja 64:4.

[12] Hieronimo do ricevis riproĉojn, ke en lia traduko troviĝas foje teksteto, kiun oni ne jam konis el antaŭa versio de la Septuaginto. Li reagas ke jen tiel ja diras la Hebrea teksto.

[13] Ŝajne Hieronimo kredis, ke origine Judismo adoris Dion laŭ diversaj "personoj" same kiel en ortodoksa kristanismo oni parolas pri Dio kiel Triunuo. Ekzemple en Genezo 1:1-2 li vidis bildon pri tiu kristana dogmo: Dio = la Patro, kiu parolas = la Parolo = La Filo, kaj la Spirito de Dio ŝvebas super la abismo = la Sankta Spirito de la Triunuo.

[14] Ekzistas Greklingva letero de Aristeo al Filokrato, kiun fakuloj datumas inter 250-100 a.Kr. aŭ eĉ en la unua jarcento p.Kr., kaj kiu rakontas pri la projekto de la tradukado de l' Torao en la Grekan. Angla traduko en *James H. Charlesworth (ed.) – The Old Testament Pseudepigrapha*, volumo 2; New York e.a. 1985; p.12-34.

[15] Flavio Jozefo (Juda historiisto kiu verkis Greke, 37-ĉ. 100 p.Kr.).

[16] Laŭ la fabelo la sepdek du tradukistoj verkis tute memstare ekzakte ĉiuvorte unu identan tradukon, kio estis pruvo ke Dio inspiris ilin.

[17] Pri mastrumado.

[18] Aŭ: tradukis.






# La vekiĝo

Luiza Carol

*Ĉu mi estas mortinta aŭ vivanta? Kial mi ne konsciis pri tiu ĉi travidebla muro ĝis nun? Ĉu ekzistas ajna kurteno, kiu jen leviĝas jen malleviĝas? Kaj se ĝi denove malleviĝos, tiam… en kiu flanko de la kurteno mi troviĝos? Ĉu iu alia estos kune kun mi, je la sama flanko de la kurteno? Mi aŭdas muzikon…*

**(Mimi ĉe *La vekiĝo*)**

### Drampersonoj

La kuracisto

Mimi – brodistino

Rodolfo – poeto

Muzeta – kantistino

Marĉelo – pentristo

Ŝaŭnardo – komponisto

Kolino – filozofo

### Scenejo

Sceno 1: La scenejo aspektas samkiel por Akto 4 de la opero *La Bohème*: malriĉa subtegmenta ĉambro en Parizo. Malpuraj grizaj kurtenoj ĉe la fenestro.

Sceno 2: Sama ĉambro. Helkoloraj kurtenoj ĉe la fenestro. Florpotoj kaj vazoj.

Sceno 3: Same kiel en Sceno 1.

### Tempo

Sceno 1: Iam, en la komenco de la 19-a jarcento.

Sceno 2: Sep jaroj poste.

Sceno 3: La sama tago de la Sceno 1. La intrigo de Sceno 1 daŭras en Sceno 3, kvazaŭ Sceno 2 neniam estus okazinta.

### Sceno 1

(Mimi kuŝas sur la lito. Rodolfo, Marĉelo, Muzeta, Kolino kaj Ŝaŭnardo troviĝas ĉirkaŭ ŝia lito. Rodolfo krias "Mimi! Mimi!" kaj komenciĝas la fina orkestra fragmento el la opero *La Bohème*. La kurteno ekmalleviĝas sed haltas. Blankvestita spektanto kun turbano eniras la scenejon tenante tason en la mano. La kurteno releviĝas.)

**Kolino:** Atendu iom, s-ro! Atendu! La spektaklo ankoraŭ ne finiĝis, s-ro! La spektantojn oni invitas atendi surseĝe.

**La kuracisto:** Pacan vesperon, ges-roj!

**Kolino:** Bonvole revenu al via seĝo, s-ro. Spektantoj devas troviĝi en la halo, aktoroj sur la scenejo.

**La kuracisto:** La tuta mondo estas teatrohalo. La tuta mondo estas scenejo. Ni ĉiuj estas kaj spektantoj kaj aktoroj… Pacon kaj lumon! Pacon kaj lumon! (La kuracisto paŝas en la mezon de la scenejo.)

**Ŝaŭnardo:** Kiu estas tiu ĉi homo?

**Muzeta:** Verŝajne li estas la kuracisto.

**La kuracisto:** Jes, mi estas la kuracisto. S-ro Marĉelo ĵus vokis min...

**Marĉelo:** Ho... Vi venas tro malfrue, s-ro...

**La kuracisto:** Nenio okazas tro malfrue aŭ tro frue. Ĉiu estas ĉiam je la taŭgaj tempo kaj loko, por plenumi sian karmon dum tiu ĉi vivo, kiu estas iluzio… iluzio… Pacon kaj lumon! Pacon kaj lumon! Pacon kaj lumon!

(Liaj vortoj iĝas strange hipnotaj. Ĉiuj drampersonoj silentas. Blua lumo envolvas la korpon de Mimi. Bonodoro venas el la scenejo. Mimi reviviĝas iom post iom.)

**Mimi:** (Parolas malrapide.) Saluton! Kie mi estas? El kie mi venas? (Ŝi ellitiĝas.) Kien mi devas iri? Kiu mi estas? (Rigardante la homojn troviĝantajn sur la scenejo.) Kiuj vi estas? Kial vi nenion respondas? (Rigardante la homojn troviĝantajn en la teatrohalo.) Kiuj vi estas? Ĉu neniu scias ion ajn? Kial mia brusto doloras? Ĉu mi sonĝas? Ĉu mi estas aktorino, kiu subite forgesis sian rolon? Ĉu vere ekzistas iu teatraĵo por mi? Ĉu mi estas permesata elpensi mian propran teatraĵon? (Ŝi fingromontras kaj la spektantojn kaj la aktorojn) Kiuj vi estas? (Ŝiaj manplatoj ŝajnas atingi imagan vitran muron, kiu apartigus la scenejon de la halo). Ĉu la scenejo estas tie aŭ ĉi tie? Ĉu mi estas mortinta aŭ vivanta? Kial mi ne konsciis pri tiu ĉi travidebla muro ĝis nun? Ĉu ekzistas ajna kurteno, kiu jen leviĝas jen malleviĝas? Kaj se ĝi denove malleviĝos, tiam… en kiu flanko de la kurteno mi troviĝos? Ĉu iu alia

estos kune kun mi, je la sama flanko de la kurteno? Mi aŭdas muzikon… De kie ĝi venas? Ĉu de tie, aŭ de tie ĉi? Kial neniu respondas al mi? Ĉu entute mi estas aŭdebla, aŭ nur aŭdkapabla? Kaj ĉu mi estas videbla, aŭ nur vidkapabla? Ĉu mi estas mortinta aŭ vivanta? Kial mia brusto doloras? Mia brusto...

**La kuracisto:** (Li delikate prenas ŝian manon kaj enlitigas ŝin.) Ĉio bonordas, karulino. Mi donos al vi trinkaĵon, kiu sentigos vin pli komforta kaj ekdormigos vin. (Li trinkigas la lacan malsanulinon per la taso, kaj parolas kun ŝi per hipnotaj sugestoj) Dormu… dormu… dormu… Vi estas sana, ĝoja kaj sekura… Vi ripozos dum sep jaroj… Vi estas sana, ĝoja kaj sekura… (Mimi ekdormas. La kuracisto aranĝas ŝiajn kusenon kaj kovrilon. Li parolas al la aliaj drampersonoj, kiuj daŭre silentas senmove.) Mimi dormas. Ne ĝenu ŝin. Mi kunportos ŝin en mian klinikon kaj mi zorgos pri ŝi. Morgaŭ matene ŝi vekiĝos tute sen doloroj. Sed ŝi perdos sian memoron. Ŝi ne plu scios, kiu ŝi estas, kaj kiuj vi estas. (Paŭzo.) Geamikoj, kiel vi jam vidis, miaj metodoj estas iel nekutimaj. Tamen komprenu, ke mi ne estas sorĉisto, sed kuracisto. Miaj kapabloj estas limigitaj. Mi bezonos vian helpon kaj viajn energiojn, por konservi la vivon de tiu ĉi virino. Post sep jaroj, ŝia memoro revenos. Jes… Subite ŝi matene vekiĝos kaj rememoros, kiu ŝi estas. Sed tiam, ŝi ne kapablos daŭrigi sian vivon, se mankos al ŝi grava kialo por tio. En la tago kiam ŝi resaniĝos, mi kunportos ŝin denove en tiun ĉi ĉambron. Tiam, ŝi devos senti sin ĉirkaŭata de amo kaj amikeco. Ŝi devos senti profundan kialon por daŭrigi sian vivon. Via karmo estas prepari vin por tiu tago, dum sep jaroj. Ĉiu el vi devos trovi sian manieron helpi sian amikinon Mimi. Vortumu al vi ĉiutage la demandojn de Mimi: "Kie mi estas? Kiu mi estas? El kie mi venas? Kien mi devos iri? Kial mi suferas?" Kaj se vi volas scii, kial mi helpas vin savi vian amikinon Mimi, mia respondo estas simpla: ĉar mia karmo estas fari tion. Rememoru: ĉiu estas ĉiam je la taŭgaj tempo kaj loko por plenumi sian karmon dum tiu ĉi vivo, kiu estas iluzio... iluzio… Pacon kaj lumon! Pacon kaj lumon! Pacon kaj lumon!

## Sceno 2

(Sep jaroj poste. La sama ĉambro en Parizo. Helkoloraj kurtenoj je la fenestro. Mimi kombas sian hararon antaŭ la spegulo. Ŝi portas helkoloran robon kun rozkoloraj floroj. La kuracisto aranĝas grandajn florvazojn en la ĉambro.)

**Mimi:** Mi sentas min tiom bone hodiaŭ! Mi sentas min kvazaŭ mi dormis dum jaroj!

**La kuracisto:** Ĝuste tio okazis, karulino! Vi kvazaŭ dormis dum sep jaroj. Vi perdis vian memoron antaŭ sep jaroj… kaj hodiaŭ vi ĵus retrovis ĝin.

**Mimi:** Kion vi volas diri? Ĉu mi travivis magion, aŭ kion?

**La kuracisto:** Nu, iusence jes. Tamen, ne temas pri vera magio. Mi nomas ĝin nekutima medicino.

**Mimi:** Ho… Mi rememoras, ke mi estis mortanta, kiam stranga persono eniris kaj… Atentu iom! Tiu stranga persono estas vi! Vi estas la kuracisto, ĉu ne?

**La kuracisto:** Jes...

**Mimi:** Do… la kuracisto… Ŝajnas al mi, ke antaŭ kelkaj minutoj mi ekkonis vin!

**La kuracisto:** Tio estas ĝuste kion vi devas senti, karulino. Kelkfoje jaroj ŝajnas samkiel minutoj... aŭ minutoj samkiel jaroj...

**Mimi:** Mi... sentas min tiom ekscita… Mi bezonas fari ion per miaj manoj, por kalmigi min… Kie estas miaj kudriloj?

**La kuracisto:** Via kudrokorbo estas sur la tablo. Vi ne uzis ĝin dum sep jaroj.

**Mimi:** Jen, rigardu, rigardu, mi denove brodas florojn… Rigardu, rigardu…

(Ŝia malnova kanto venas en ŝian memoron el la pasinteco. Oni aŭdigas ĝin per laŭtparoliloj: *"Oni nomas min Mimi,/ fakte mi nomiĝas Luĉia./ Mi nur rakontos malmulton:/ sur linajn kaj silkajn/ teksaĵojn mi multe brodadas…/ Ja trankvila mi estas/ kaj ŝatas fari/ liliojn kaj rozojn./ Plaĉas al mi aferojn/ ŝajnantajn dolĉaj kaj ĉarmaj,/ parolantajn pri am', pri la printempo,/ pri sonĝoj kaj iluzioj;/ ŝatas ĉion rilatantan poezion."* Intertempe la kuracisto proksimiĝas al la fenestro kaj mansignas, invitante homojn en la domon. Oni aŭdas sonorilon. Eniras Muzeta, kiu estas graveda kaj puŝas antaŭen duoblan beboĉareton kun dormantaj ĝemelaj beboj. Ŝi portas florumitan robon kaj alportas florojn por Mimi. Eniras Marĉelo, vestita per florumita ĉemizo kaj portanta en la brakoj du dormantajn infanojn kaj unu florbukedon. Li metas la infanojn sur la sofon.)

**Muzeta kaj Marĉelo:** Saluton, Mimi! Kiel vi fartas, Mimi?

**La kuracisto:** Atentu, atentu… ŝi estas ankoraŭ konfuzita… (Li prenas la florojn kaj metas ilin en vazon.)

**Muzeta:** Mimi, rigardu min! Rigardu min! Ĉu vi scias, kiu mi estas?

(Mimi longe kaj silente rigardas la vizaĝon de Muzeta. Subite, la valso de Muzeta aŭdiĝas el la laŭtparoliloj, kvazaŭ revenante en la




memoron de Mimi: *"Kiam sur strat'/ solece mi promenas,/ la homoj haltas kaj gapas,/ kaj la belecon mian admiras ekde la kap'/ ĝis mia pied'."*)

**Mimi:** Vi estas Muzeta, la kantistino… Vi estis tiel bona kun mi… Vi alportis al mi kuracilojn kaj vestojn kiam mi estis malsana… (Ŝi rigardas al Marĉelo.) Kaj vi… vi estas Marĉelo, la pentristo! Vi estas tiu, kiu sendis la kuraciston al mi… Dankon, dankon, karaj geamikoj! Kiel vi ambaŭ fartas nun? Mi rememoras… vi amis unu la alian, sed vi diris, ke vi ne povis geedziĝi, ĉar vi estas tro malriĉaj.

**Muzeta:** Ni transloĝiĝis en junularan tendaron, en la montaro. Dum sep jaroj, ni fariĝis riĉegaj, karulino!

**Mimi:** Ĉu vere?! Mi apenaŭ povas kredi tion! Ĉu vi vere estas riĉegaj?!

**Muzeta:** Jes Mimi, jes! Jen niaj trezoroj! Du paroj de ĝemeloj!

**Mimi:** (Ŝi rigardas la ventron de Muzeta.) Kaj vi ŝajnas atendi ankoraŭ unu trezoron! Ho! Vi ja ŝajnas riĉaj! Marĉelo, kiel prosperis via pentrado tie?

**Marĉelo:** Mi trapasis belegajn travivaĵojn. Mi opinias, ke finfine mi trovis mian propran stilon. Ho, la koloroj kaj la suno de la montaro… kaj la tieaj antikvaj legendoj, tiom sinceraj, tiom sencoplenaj…

**Muzeta:** Rakontu al ŝi pri nia terkabano, Marĉelo!

**Marĉelo:** Ho, jes. Mi pentris la internan muron de ronda terkabano. Muzeta kutimiĝis kanti en tiu kabano. Ni invitis junulojn por danci kaj kanti tie ĉiuvespere, je la lumo de torĉoj. Tie, ni ĉiuj sentis nin tiom riĉaj kiel reĝoj kaj reĝinoj! Mi ŝatus krei en Parizo operoteatron, similan al tiu kabano… Mi imagas vin Mimi, brodantan florojn sur la vestojn de la drampersonoj… Kaj ni skribus vian nomon sur grandan afiŝon: "Manfaritaj vestoj, desegnitaj kaj broditaj de la majstra brodistino Mimi."

**Mimi:** Mi ja ŝatus labori por tia teatro…

(La kuracisto mansignas ĉe la fenestro, invitante alian personon en la ĉambron. La sonorilo aŭdiĝas denove kaj La kuracisto malfermas la pordon. Eniras Ŝaŭnardo kun granda papago sur la ŝultro kaj florbukedo.)

**Ŝaŭnardo:** (Donas al ŝi la florojn.) Saluton, Mimi!

**Mimi:** (Videble penas por rememori lian vizaĝon.) Ŝaŭnardo, la komponisto!

**Ŝaŭnardo:** Jes, estas mi.

**Mimi:** Ŝaŭnardo! Jen, vi kunportas papagon! Tiu ĉi birdo rememorigas ion al mi… Jes, mi rememoras la tempon… kiam vi venenis tro bruigan papagon… Kiel ĝi nomiĝis? Mi forgesis la nomon de la papago…

**Ŝaŭnardo:** Lorito.

**Mimi:** Jes! Lorito! Vi malamis ĝin...

(La voĉo de Ŝaŭnardo venas en la memoron de Mimi el la pasinteco. Oni aŭdigas ĝin per laŭtparoliloj: *"Mi preparis anetfolion…/ Lorito rimarkis ĝin tuj,/ la bekon malfermis kaj jen,/ Lorito manĝis aneton…/ kiel Sokrato mortis!"*)

He, he! Mi rememoras, ke iu eĉ pagis al vi pro tio, ke vi definitive silentigis la ĝenantan birdon… He, he! Kiom vi gajnis pro tio?

**Ŝaŭnardo:** Ne primoku min, Mimi… Mi bedaŭras, ke mi mortigis tiun talentan birdon antaŭ kelkaj jaroj. Jen tiu ĉi papago nomiĝas Lorito Du, kaj ĝi estas mia plej ŝatata amiko.

**Mimi:** Saluton, Lorito Du!

(Lorito Du kantas: "Mimi... Mimi…")

**Ŝaŭnardo:** Vi havas ĉarman nomon, Mimi. Ĝi sonas kiel du muzikaj notoj… "mi mi"… kiel eta solfeĝo… Lorito Du ŝategas kanti ĝin… Vidu, mi jam komprenis, ke birdoj estas la plej bonaj instruistoj pri muziko… Ankaŭ la pluvo kaj la vento, la maro kaj la arbaro kapablas inspiri komponiston, sed birdoj estas simple neanstataŭigeblaj ĉi-rilate… Precipe se temas pri papagoj…

**Mimi:** Ĉu vi multe komponis lastatempe, Ŝaŭnardo ?

**Ŝaŭnardo:** Jes ja. Mi laboris kiel maristo, vojaĝis tre malproksimen kaj lernis ludi multajn instrumentojn, kiujn mi ne konis antaŭe. Mi baldaŭ riĉigos la opero-teatron de Marĉelo per novaj komponaĵoj kun melodioj el Japanujo kaj Ĉinujo.

**Mimi:** Bonege! Ĉi-matene, ĉiuj pensas pri operaj spektakloj!

(La kuracisto mansignas ĉe la fenestro kaj invitas alian personon. Eniras Kolino, vestita per helblua kompleto kaj ĉapelo, tenanta floron kaj libron ĉirkaŭvolvitan per rozkolora rubando.)

**Kolino:** (Li donas al ŝi la floron.) Ĉu vi rememoras min?

**Mimi:** (Ŝi rigardas lin tre atente.) Mi rememoras… ke vi havis belan palton... (Subite, la malnova kanto de Kolino revenas en la memoron de Mimi, dum la laŭtparoliloj aŭskultigas ĝin: *"Malnova palt', aŭskultu:/ mi*

*restos tie ĉi,/ vi devos sidi/ nepre en la lombardejo./ Vi neniam kliniĝis antaŭ/ ajnaj riĉuloj aŭ potenculoj./ Eniris ja viajn poŝojn/ kiel kavernojn trankvilajn/ filozofoj kaj poetoj./ Nun, post kiam la feliĉo/ jam fuĝis, mi adiaŭas,/ fidela amiko mia…/ adiaŭas…"*)

Kolino! Mi rememoras... ke vi donis vian palton al lombardisto, por aĉeti al mi kuracilojn… Dankon, Kolino! Kiel vi fartas nun, Kolino?

**Kolino:** Mi fartas bonege. Mi studadis buntajn religiojn kaj filozofiojn el multaj landoj.

**Mimi:** Ĉu vere? Ĉu vi finfine sukcesis vojaĝi per ŝipo ĉirkaŭ la tuta tero, kiel vi revis?

**Kolino:** Hmm… Mi ja vojaĝis multege, sed ne per ŝipo. Mi vizitis ĉiutage la bibliotekon…

**Mimi:** Ho, mi komprenas. Vi volas diri, ke vi vojaĝis per libroj, kiel kutime…

**Kolino:** Jes… sed ne nur tiel. Mi ankaŭ klopodis konatiĝi kun diversspecaj pastroj kaj monaĥoj, guruoj kaj filozofoj, kaj mi starigis al ili demandojn pri la vivo. Mi verkis dekojn da eseoj provante kompari kaj komenti iliajn respondojn. Jen mi kolektis ilin en tiun ĉi libron dediĉitan al vi. (Li donas al ŝi la libron.)

**Mimi:** Dankon Kolino. (Ŝi malvolvas la rubandon, trafoliumas la libron kaj laŭtlegas la titolojn de la ĉapitroj.) "Kiuj ni estas?" "El kie ni venas?" "Kien ni devas iri?" "Kial ni vivas?" "Kial ni suferas?" Ho, mi bezonas jarcentojn por mediti pri tiu ĉi legado…

**Kolino:** Vi havos sufiĉe da tempo, karulino. Nun mi estas verkanta alian libron, pri sanigaj afrikaj dancoj… Min fascinas la tradicia afrika medicino kaj la tribaj religioj…

**Mimi:** (Ŝi metas la manon sur la frunton) Pardonu min, geamikoj… Mi sentas min kvazaŭ mi daŭre atendas iun… kvazaŭ iu tre kara mankas al mi…

(Mimi rememoras la arion de Rodolfo, kiun oni aŭdigas per laŭtparoliloj: *"Pri mi?/ Mi estas poeto./ Kion mi faras? Skribas./ Kiel mi vivas? Vivas!/ Sed mi, kvankvam malriĉa,/ kiel nobel' malŝparas/ rimojn kaj himnojn pri amo./ Pro sonĝoj kaj iluzioj/ kaj pro kasteloj aeraj,/ mi sentas min riĉegulo."*)

**Rodolfo:** (Enirante subite.) Mi amas vin.

**Mimi:** Rodolfo! (Ili brakumas unu la alian.) Rodolfo! Kie vi estis ĝis nun?

**Rodolfo:** Mi estis en Parizo, lernante jogon kun maljuna jogisto. Dum la lastaj 99 tagoj kaj 99 noktoj, mi eldiris neniun vorton kaj skribis neniun leteron. Mi meditis pri la forto de la vortoj, pri la dieco de la vortoj… Ĉu vi rememoras, karulino? Mi kutimis verki vanajn versojn, kiujn mi mem malaprezis… Kiam mankis al mi lignon por la kameno, mi kutimis forĵeti manuskriptojn en la fajron… Mi pentas pri mia antaŭa vaneco. Dum 99 tagoj kaj 99 noktoj mi pensis pri kio mi diros, kiam mi rompos la silenton. Kaj mi volis, ke tiuj vortoj estu por vi. Kaj mi volis, ke ili estu: "Mi amas vin." Eble tiuj estas kliŝaj vortoj, Mimi. Sed nun ili valoras pli ol ĉiuj miaj iamaj poemaĉoj... kaj verŝajne resumas ĉiujn miajn ontajn verkojn...

**Mimi:** Ankaŭ mi amas vin... (Ili brakumas unu la alian.)

**Ŝaŭnardo:** Rodolfo, kio pri la libreto? Vi promesis al ni libreton por nia opero…

**Rodolfo:** Mi meditis pri multaj libretoj… Sed mi skribos ilin, kiam Mimi sidos apud mi kaj brodos florojn. Mi estas la poeto, ŝi estas la poezio mem…

(Li kaj Mimi rememoras lian arion, kiu aŭdiĝas per laŭtparolilo: *"Do mi estas la poeto,/ ŝi estas poezio./ El mia cerbo burĝonas la kantoj,/ floroj burĝonas el ŝia manet',/ el ekstazoj de l' animoj/ burĝonas la am'. "*)

**Kolino:** (Li alportas vinbotelon kaj malfermas ĝin.) Ni trinku por amo kaj lumo! Ni trinku por nia estonta opero-teatro, kun artistoj kaj artoj el ĉiuj landoj…

(Ĉiuj restas senmovaj kelkajn minutojn, kvazaŭ pozante por foto. La lumo malŝaltiĝas.)

## Sceno 3.

(La lumo ŝaltiĝas. La drampersonoj estas denove vestitaj kiel en Sceno 1. Malaperis la floroj, la papago, la infanoj. Mimi kuŝas sur la lito, la aliaj ploras.)

**Kolino:** (Li malpermesas al la kuracisto antaŭeniri.) Bonvole revenu al via seĝo, s-ro. Spektantoj devas troviĝi en la halo, aktoroj sur la scenejo.

(La kuracisto revenas al sia seĝo en la halo kaj sidiĝas. Lian voĉon oni aŭdas per laŭtparoliloj, dirantan: "Kelkfoje jaroj ŝajnas samkiel minutoj... aŭ minutoj samkiel jaroj..." Poste, oni aŭdigas per laŭtparoliloj la demandojn de Mimi: "Ĉu mi estas Mimi, kiu ĵus sonĝis pri feliĉo? Ĉu mi estas spektanto, kiu ĵus sonĝis pri feliĉa fino por la opero *La Bohème* de Puccini? Kiuj estas ni ĉiuj? Kiu estas verkanta la teatraĵojn pri niaj vivoj? Ĉu ni kapablus ŝanĝi tiujn teatraĵojn? Ĉu!?")

## F I N O

* Ĉiuj arioj kiujn Mimi rememoras troviĝas en la opero *La Bohème.*





**Roger Gotardi**



# La katarto kaj la nizo [1]

*Omaĝe al mia forpasinta avo Antonio Gotardi*

Iam, en la tempo, kiam la bestoj scipovis paroli, homoj trahakis vastan praarbaron kaj bruligis la vegetaĵaron, por poste priplanti la nudan grundon.

Sur altega supro de iu el la malmultaj arboj, kiujn restigis la homoj [2], sidis katarto [3]. Ĝi pacience rigardardis la forbruliĝon de la verda terkovraĵo, kiam alflugis nizo [4].

La impona birdo eksidis apud la katarto kaj ekparolis:

– He! Kion vi faraĉas tie ĉi?

– Mi atendas, ĝis iu besto brulmortiĝos, por ke mi povu manĝi ĝin – respondis la okulstreĉa katarto.

– Aĉ! Ĉu vi atendados ĉi tie senmove? Kaj se neniu besto mortos? Ĉu do mortos vi pro malsato? – enketis la nizo.

– Eĉ se mi devos surteriĝi kaj paŝade serĉi, mi trovos ion malvivan...

– Kaj kio pri via senpluma kapo? – mokeme aldiris la nizo.

– Ĝi iĝis tia dum la milito, kiam mi longe uzis kaskedon... – ekhonte rediris la katarto.

– Kaj kial ankaŭ viaj kruroj estas senplumaj? – demandis la nizo.

– Pro la militistaj botoj kaj gamaŝoj... – maleme respondis la katarto.

– Babilaĵo! La plumoj de viaj piedoj elfalas, tiom ofte vi staras apud mortintaĵoj, kaj tiuj de via kapo, tiom multe vi manĝaĉas putriĝantan karnon! Kiel naŭze estas manĝi malbonodoraĵojn! – malmodeste endiris la nizo.

– Kiu finfine vi estas, ke vi opinas vin tiel prava? – respondis la katarto, jam senpacienca.

– Mia nomo estas Jozefo La Ĉarma: predon mi kaptas viva, ĝin manĝas varma!

– Sed kaptaĵo varma neniel bongustas kaj krome oni devas zorgi ĉasi... – ankoraŭ argumentis la katarto.

La nizo plu obstinis, ke estas multe pli bone manĝi, kian manĝon li manĝas, kaj vivi, ĝuste tiel, kiel li vivas. Tiam la katarto ekvidis kolombon flugantan iom malalte sub ili, kaj inciteme defiis la nizon:

– Se vi estas ja kapabla, kial vi ne ĉasas ĝin?

– Rigardu nur! – respondis la nizo, jam svingante siajn flugilojn por ekflugi.

La nizo plonĝis kaj ekpersekutis sian ĉasataĵon. Tamen la kolombo enflugis en ankoraŭ ne forhakitan parton de la arbaro, tra kiu ĝi povos zigzagi kaj tiel provi erarigi la nizon [5].

Klopodante sin savi, la kolombo flugadis rekte kontraŭ longa, seka, akrapinta branĉo. Tuj antaŭ ol kolizii kontraŭ la pikilforma arbero, la pac-heroldo subite direktoŝanĝis supren! Ne povante fari similan akrobataĵon, la nizo trafis la malmolan branĉon, kiu ponardis lian anhelantan bruston.

Mortvundita kaj pendanta de la branĉo, la nizo streĉis siajn lastajn fortojn por helpkrii al la katarto:

– He, ĉu vi nenion faros? Mi mortos!

Senmove rigardanta, la katarto sarkasme respondis:

– Unue mi atendos ĝis vi haladzos, poste mi ekmanĝos! ★

---

1 Adapto de rakonto parole rakontita de mia avo al siaj gefiloj. (RG)

2 Oni kutime ne dehakis la plej altajn arbojn. (RG)

3 Katarto - granda amerika vulturo. (JJS laŭ PIV2005)

4 Nizo - malgranda akcipitro bredebla por ĉasado. (JJS)

5 Kolomboj povas lerte ŝanĝi la flugdirekton inter densa branĉaro, postsekvate de predanto. (RG)



# Legendo pri Martim de Freitas (monologo)

Eduardo Novembro

«Vi, moŝta Sanĉo La 2-a, treege nobla reĝo de Portugalio, permesu, ke mi, Martim de Freitas, alkado de la kastelo de Koimbro, via humila kaj nepre fidela vasalo, el ĉi tiu efemera tervivo salutu vin jam honore kaj meritoplene ĝuanta pacan eternecon en la paradiza ĉielo.

Jen mi nun respekteme adorkliniĝanta antaŭ vi por raporti pri via frato Afonso kiu, komisiita de tiu fora kaj potenca papo, alvenis de la malproksima Romo por forpreni de vi la kronon kaj tronon de nia juna kaj komune amata lando.

Subtene de forta armeo, via frato obeigis plurajn kastelojn de Luzitanio senreziste kapitulaci kaj senhonore ties ŝlosilojn fordoni. Forgesinte antaŭajn fidelĵurojn kaj omaĝojn al vi, nobla reĝo de Portugalio, por savi siajn vivojn kaj havaĵojn la tieaj alkadoj enlasis la roman plenpovanton.

Honorinde, ne ĉiuj. Mi, alkado de la kastelo de Koimbro, estas unu el tiuj, kiuj ne povis sekvi la malhonoran vojon. Kiel eble plej, mi eĉ rezistis la sieĝon starigitan kontraŭ la kastelo, kies defendon vi konfidis al mi, kaj kiun mi promesis protekti je via nomo, kiel mia senjoro kaj efektiva reĝo de Portugalio. Miaj batalantoj trairis seniĝojn kaj suferojn ĉiuspecajn. Ankaŭ la popolo preferis malsati kaj eĉ soifi anstataŭ kapitulaci sub la uzurpulo.

Antaŭ mia neŝancelebla rezisto, ili promesis... promesis... promesis senfinajn honorojn, se mi sen plia prokrasto al ili liverus tiun fortikaĵon. Sed mi ne povis... mi ne povis... Mia honorparolo alkatenis min al tiuj muroj, kiujn mi ne povis forlasi sen sangoverŝo mia.

Ne sukcesinte venki min, ĉu perforte, ĉu per tiom da promesoj de mi neniam akceptitaj, ili distrumpetis onidiron, ke intertempe vi en via kastilia ekzilo estis mortinta. Tion mi ne tuj kredis, ĉar eblus pli lerta ruzaĵo por trompi min. Do, mi postulis paspermeson por veni ĉi tien al Toledo, certiĝi, per miaj propraj okuloj, ke vi, moŝta Sanĉo La 2-a, mia reĝo, mia senjoro, jam estis konkerinta la Eternecon.

Kaj jen mi ĉi tie, en ĉeesto de via ĉerko, aparte malfermita por ke per miaj propraj okuloj mi povu vidi vin, kaj vi, el via eterneco certe povu rigardi al via maljuna vasalo, humile, fidele kaj honorige genuiĝanta antaŭ vi. Estis al vi, moŝta Sanĉo La 2-a, ke mi ĵuris fidelecon, kaj nun al vi petas mi permeson transdoni al via frato la ŝlosilojn de la kastelo de Koimbro.

Ĉi tiujn tiom valorajn ŝlosilojn mi kun solena pieco deponas sur viajn fridajn manojn, kaj petas permeson por ilin sekve repreni de vi kaj kunporti al la nur ekde nun, ja vere laŭleĝa heredonto de la trono de Portugalio.

Nun mi restas trankvila ĉar, sen rompo de ĵuro, mi povos honore plenumi mian mision perante la tansdonon de ĉi tiuj ŝlosiloj de reĝo fakte forpasinta al nova monarko, kaj tiele daŭrigi Portugalion. Do, kun via permeso, nun mi enlasos en la kastelon de Koimbro la armeon de la nova suvereno de nia patrolando, ĉar vi, kora reĝo mia, ja estas jam foririnta al ĉielaj regnoj.

Mi ĉi tie antaŭ vi plu ĵuras, ke mi rifuzos ian ajn alkadecon de iu ajn estonta reĝo.

Malbenita estu iu posteulo mia kiu — sub fidelĵuro kaj omaĝo al rajtigita reĝo — akceptu alkadan respondecon de kastelo, kaj ĝin lasu invadi sen honoriga defendo.»

★

# LA EVOLUO

## BILDOJ EL NIA JUNECO (3-a parto)



*Leo De Cooman*
tradukis el la flandra en esperanton,
el la verko de sia frato Emile De Cooman
laŭ rememoroj pri la familia historio

verkita de
*Emile De Cooman*

### Al Fratinejo

Jam tiam la lernejo por etuloj estis sekse miksa, sed la knabetoj sidis je unu flanko kaj la knabinetoj je la alia flanko de la klasĉambro. Poste ekde la baza lernejo ĉio pri la instruado estis disigata en apartajn lernejojn. La katolika instruado por knaboj okazis en *Kolegio* aŭ en *Karmelanejo* (kiu origine estis abatejo de *Karmelanoj*, poste fakte de *Jozefanoj*), la publika instruado en *Ecole moyenne* (*Mezgrada lernejo* en la franca). Por la knabinoj ekzistis la lernejo *Fratinejo* en Monaĥineja Strato, kaj la jam menciita *Huneghem* por la katolika instruado. Krom *Ecole moyenne* en la urbo ankaŭ estis lernejoj ĉe Kajo, en *Gaffelstraat* (Forkega strato) kaj en *Buizemontstrato.* (Laŭ iuj historiistoj la nomo *Buizemonto* atestas pri iama ĉeesto de romianoj sur la monteto de la urbo).

Transirontaj al la unua klaso de la infanlernejo por kvarjaruloj, ni rajtis iri al la plej proksima lernejo en Monaĥineja Strato. Knabino, *Elize*, filineto de *Mate Bone* el la najbarejo, ĉiutage devokonscia akompanis nin al la lernejo. Ŝi faris tion por kelkaj cendoj aŭ frandaĵoj. Tiutempe oni faris multon por frandaĵeto.



Avo klarigas pri teksado



Tekseti

Precipe la nomo de fratino *Imelda* restis en mia memoro.

Ni restis la tutan tempon ĉe ŝi en la klaso, kaj ĉiujare ŝi transiris kune kun ni. La novvenintojn oni konfidis al alia fratino. Per tiu metodo la etuloj sentis sin ĉe patrineca persono. Faleton aŭ vundeton ŝi kuracis per kareso aŭ kiseto, kaj la malfeliĉa etulo rajtis alpremiĝi kontraŭ ŝia longa nigra jupo. Interesaĵo por ni estis la longa blanka ŝnuro, kiun ŝi portis ĉirkaŭ la talio. En ĝi estis kelkaj fortikaj nodoj, kies signifon mi eĉ nun ankoraŭ ne scias.

Tie kvarjaruloj lernis interalie "malplekti ŝtofojn". Per flikkudrilo (kudrilo sen akra pinto) ni disigis la fadenojn, el kiuj ni sukcesis eltiri kelkajn.

Poste ni lernis labori per fadenoj, kaj por plenigi la pinglokuseneton ni uzis la eltiritajn fadenojn kiel remburaĵon. La ŝtofpecetoj estis defalaĵoj el la teksejo *Flamant*, kiujn "la monaĥinejo" tie ricevis senpage. Ankaŭ la patrinoj poste utiligis tiujn pecetojn por fliki eluzitajn ŝtofojn. Tiun kutimon ili transprenis el la unua mondmilito, kiam ĉio ĉiam denove

devis esti riparata, ĉar nova materialo ne disponeblis.

Alia okupado por la manetoj estis la plektado de tapiŝetoj. El inter la faldoj de sia nigra jupo la fratino aperigis tondilon kaj lertamane tondis koloran paperon en longajn mallarĝajn striojn, kiujn ni sekve povis plekti en paperan tapiŝeton. Nur post novjaro ni rajtis plekti desegnaĵojn per diversaj koloroj. Anstataŭ "unu supren, unu malsupren" la tasko tiam iĝis "unu supren, du malsupren". La strietoj iĝis ĉiam pli mallarĝaj kaj fine ni lernis mem tondi la bazan materialon per tondilo sen akraj pintoj.

Je Pasko ni rajtis kunporti niajn plektaĵojn hejmen por montri nian evoluon kaj per ĝi rikolti gratulegojn. Ni ankaŭ ekzercis per jam uzita trikotlano, sed la rezulto ne estis tiel admirinda, ĉar tiuj fadenoj terure kurbiĝadis kaj baldaŭ ĉio fariĝis nedisigebla implikaĵo. Tiam pli da tempo necesis por malimpliki ol por plekti.

Fratino *Imelda* havis voĉon fortan kiel sonorilo. Kvankam ŝi estis bonkorulino, ŝi tre ŝatis disciplinon. Kiam ŝi postulis "ne forkuru de via loko", tio estis leĝo. Persone ŝi preferis kanti. La tuta klasanaro kunkantis, foje tiel forte, ke la fratino el la apuda klaso venis peti iom malplilaŭtigi la kantadon.

Dum la unua jarkvarono ni kompreneble devis lerni novjaran letereton. Jam post la dua semajno ni ekdiris "Kara baptopatro..." kaj ni tiom funde ekzercis tiun esprimeton, ke dum enlitiĝo ni diris al panjo "kara baptopatro".

Ĉe la fino de la jaro ĉiu parkerigis sian novjaran leteron kaj ĉiun detalon de la akompanantaj gestetoj plej elegantaj.

Tiu fratino ankaŭ ege ŝatis rakonti historietojn. Ĉiam post la teksada horo ŝi regalis nin per rakonteto. Tiam ĉiuj geknabetoj sidis kun malfermaj buŝeto kaj okuloj aŭskultante al la historio akompanata de multaj gestoj. Foje larmetoj aperis en la timoplenaj okuletoj.

Signalo de la granda sonorilo ĉesigis ĉiujn okupojn kaj ni enviciĝis por forlasi la lernejon tra mallarĝa pordo en *Bular*strato.

Tie ĉe la angulo ni devis atendi, ĝis *Elize*, nia vartistineto, akompanis nin, kaj ni kune supreniris la monton por tagmanĝi hejme.

Tiam ni ĉiufoje pasis antaŭ la butiko de *Elodie*, kie la frandaĵoj allogis nin tiom, ke kun salivo en nia buŝo ni transiris la straton preter la publika pumpilo kaj la domo de *Mil*, la buĉisto. De tie la trotuaro apud la strato ne plu taŭgis por marŝi sur ĝi, kaj ni do simple marŝis sur la strato. Tiutempe ja ne estis tiom da trafiko (oni povis nombri per la


Frandaĵoj en butiketo

fingroj de unu mano la aŭtojn pasantajn dum unu semajno)

### La tagmanĝo

Per la rapida supreniro ni preskaŭ senspire alvenis hejmen. *Elize* liveris nin ĉe la krado kaj anoncis tion per forta ektiro je la sonorilĉeno. Post kelkaj sekundoj aperis la vizaĝo de panjo de malantaŭ la angulo de la kuirejo. Ni tiam kiel sovaĝuloj sturmis tra la herbejo al la kuirejo. Multe poste ni mem faris vojeton, rekte de la lavejo al la krado.

Unue ni devis froti la ŝuojn sur la mato en


Tagmanĝa tablo

la lavejo, post ektiro je la pumpilo malsekigi niajn manojn kaj sekfroti ilin per la maldelikata mantuko. Tio estis la ĉiutaga rutino. Ĉe la eniro de la granda kuirejo trafis nin la agrablaj odoroj de la bonaj manĝaĵoj, kiujn nia panjo preparis por ni. Nian jakon ni pendigis senceremonie je la vestohoko en angulo de la granda kuirejo. Nu, fakte ni ĵetis ĝin tien. Bruege ni ŝoviĝis inter la tablo kaj la benko al nia fiksa sidejo ĉe la granda tablo.

Kutime ĉio jam pretis sur la tablo. Meze de tio troviĝis du aŭ tri feraĵetoj por surmeti la varmegajn potojn.

La simplaj, blankaj, "plataj kaj profundaj" teleroj troviĝis sur fiksa loko inter stanitaj kuleroj kaj forkoj. Tranĉilojn ni ankoraŭ ne ricevis, tiujn ni ricevus poste, kiam ni estos pli grandaj. Post krucosigneto panjo elĉerpis


Poreo


Tomatoj


Verda brasiko


Fazeoloj


Karotoj

la supon. Subite regis silento, ĉar paroli estis malpermesite de post la krucosigno. Ĉiu ricevis kuleregon da supo kaj grandan suplementon. La stanitaj, blankpoluritaj kuleroj ekfunkciis en silento. Nur foje oni aŭdis "Panjo, ankoraŭ iom, bonvolu". Nur la klakado de la kuleroj sur la teleroj aŭdeblis. Kaj baldaŭ la plej forta malsato estis satigita.

Mi ne kredas, ke pli ol dekfoje mankis supo aŭ io simila. Ankaŭ tiam ekzistis multaj specoj de supo, sed poreo ĉiam estis ĉefa ingredienco, kelkfoje kun cepoj, alifoje kun pizoj aŭ kun blankaj faboj, aŭ kun nigraj fabegoj. Tomatsupo kun buletoj estis preparata nur kiam pluraj tomatoj samtempe maturis en la vitrodomo aŭ kelkfoje vintre el tomata pureo, kiun panjo mem preparintis dum la somero. Peco da supviando aŭ supkokaĵo kun blankaj buletoj konsistigis la deziratan variaĵon je dimanĉoj.

Se ne estis supo, somere, kiam estis tro varme por staradi apud la forno, ni foje ludis pri "ŝippereo" sur neboligita buterlakto, sur kiu ankoraŭ flosis buterbuletoj. Tiu ludo konsistis el ĉi tio: per sukero ni ŝarĝis biskviton flosantan sur la buterlakto ĝis kiam ĝi subiris.

Alifoje estis boligita buterlakto kun pompecetoj. Biersupo kun bruna sukero ankaŭ foje estis bongusta alternativo. Sed io, kion mi ne plu manĝis post mia infanaĝo estas "tartra kaĉo" (oni aĉetis tartron en apoteko, metis ĝin en akvon kaj densigis per faruno. Ankaŭ tio estis bongustaĵo.)

Post la supo ne venis paŭzo, ĉar tuj sekvis laŭte el la granda kuirejo: "Atentu, ĝi estas varmega!"
La terpompoto venis sur sia feraĵeto meze de la tablo. La granda aluminia poto, ĝisrande plena je vaporantaj terpomoj el propra rikolto, tie defiis nian atakon. Ĉi tiuj terpomoj estis ja tiom pli bongustaj ol tiuj, kiujn ni devis aĉeti ĉe la fino de la sezono. Sed eĉ tiam ni ankoraŭ kontentis, ĉar post kelkaj semajnoj manĝeblos la fruaj terpomoj de "*Buizemonto*". Kaŭze de la tiea alsuda orientiĝo sur la flanko de la monteto la terpomoj tie ĉiujare estis rikolteblaj du aŭ tri semajnojn pli frue ol en nia propra ĝardeno.

Tiam sekvis, el pli malgranda poto, ĉerpo da alloge odorantaj legomoj. Iuj legomoj kompreneble pli plaĉis al nia gusto ol aliaj; savojbrasiko estis inter la malpli plaĉaj.

Sed supre sur la listo, kredeble ĉe ni ĉiuj, troviĝis fazeoloj, precipe vendrede, kiam estis "fazeoloj kun laktosaŭco" kaj malmolaj ovoj.

Kiam mi nun pensas pri ili, mia buŝo ankoraŭ ekpleniĝas per salivo. Ankaŭ dum la vintro ĉiutage estis alia legomo sur la menuo. Freŝe rikoltita el la ĝardeno tiam precipe estis stufota poreo kaj bongustaj burĝonbrasikoj, sed tiuj plej bone gustis, kiam "frosto pasintis super ili", kiel oni tiam diris. Ankaŭ la skorzonerojn en blanka saŭco ni tre ŝatis. Sed poste pro la skrapado panjo ĉiam havis nigrajn manojn dum kelkaj tagoj.

La karotoj ja estis iom pli sekaj ol dum la somero, sed ili bongustis kun iom da sekigita celerio el la saketo sub la kamenbreto kaj iom da sekigita timiano en la densigita saŭco. Io, kion ni tiam ankaŭ manĝis, estis cikoria radiko. La blankradika cikorio estas delikata, sed iom amara. Pro tio oni boligis ĝin dufoje. Ĝi plej bone gustis kun milda butersaŭco. Tiu legomo aktuale tute mankas sur la tabloj, kvankam ĝi ankoraŭ estas kultivata por fari cikorion (por prepari kafon). La radiko estas metata en varmetan teron en mallumo. La elkreskaĵo liveras la ŝatatan blankigitan cikorion. Tiun, same kiel asparagon, maloftan kaj multekostan legomon, ni povis aĉeti nur en la butikoj en la urbocentro. Fazeoloj estis konservitaj en salo. El ŝtona ujo en la kelo estis ĉerpataj kelkaj kuleregoj da kaĉo, kiun oni poste metis en kribrilon kaj zorge gargaris sub la pumpilo, ĝis restis nur fazeoloj. Tiujn oni unue boligis por forigi la plej multan salon kaj poste boligis ĝis moliĝo en pluvakvo aŭ en putakvo kun iom da natria dikarbonato. Oni asertis, ke ili tiel fariĝas malpli salaj kaj estos pli baldaŭ pretkuiritaj. Mi tamen trovis ilin ankoraŭ pli ol sufiĉe salaj.

La brasikoj, precipe la ruĝaj, ankaŭ estis rikoltitaj antaŭ la vintro kaj konservitaj en la

kelo sub seka sablo. Eblis konservi ilin ĝis Pasko. La tubercelerio ankaŭ estis konservata sub sablo, sed tiun oni destinis precipe por supoj. Pizojn tamen oni konservis en lina sako, kiu pendis sub la kamenbreto. Tiujn oni metis je la antaŭa vespero en akvon. Bonvena alternativo estis pomkompoto farita el la pomoj de nia ĝardeno, kiuj estis konservitaj en la kelo sur bretaro. Delikate preparita kun cinamo kaj kun jen kaj jen ankoraŭ kelkaj pecetoj da pomo kaj sukerita per vera kansukero, ĝi jam mem estis vera deserto.


Ruĝa brasiko

Kelkfoje ni ricevis sur nia telero sekigitajn pomojn. Aŭtune, kiam la pomoj falis de la arboj, ili estis kolektataj el la fruktarbejo en terpomkorboj. Senŝeligitaj, senigitaj de la kernujoj kaj vermaĵoj, kaj sekigitaj sur kradeto super la hejtila tubo, ĝis ili bruetis ĉe skuiĝo. Komence la tuta krado estis plena, sed post kelkaj tagoj ili tre malmultiĝis, ĉar ili tiel bongustis, kaj ĉar ankaŭ paĉjo kaj panjo ŝatis ilin. Sed ĉiujare restis sufiĉe da ili por plenigi kelkajn linajn sakojn. Por prepari ilin, oni ŝveligis ilin dum nokto en granda poto da akvo. Poste oni forverŝis la akvon kaj moligis ilin ene de kelkaj minutoj sur la fajro. Tio kun iom da kansukero, eĉ sen cinamo, estis ja vera frandaĵo.

Alia bongustaĵo estis cepa saŭco aŭ foje askalona saŭco. Tiun oni preparis nur je lundoj, la lavotagoj, ĉar tiam la forno devis bone hejti kaj la saŭco povis boletadi sur la hejtila tubo jam de la frua mateno. Kiam ni ricevis la ringetojn sur nia telero, ĉiu nombris ilin, kaj ve, se iu havis ringeton pli ol lia najbaro! Silentaj signoj estis interŝanĝataj, kaj, kiam panjo rimarkis la maljuston, tiu estis baldaŭ korektata.



Pomo

Somere ĉiutage aperis sur la tablo freŝaj legomoj el la ĝardeno: novaj karotetoj kaj pizoj en siaj ŝeloj kaj kompreneble estis laktuko. Sed tiun ni ne tre ŝatis. Foje enestis tiaj etaj volviĝantaj estaĵoj en ĝi, eĉ post tralavado per freŝa akvo kun malavara verŝo da vinagro. (Tiaj bestetoj tuj malaperigis mian apetiton.) La endivio, precipe ties krispa vario, estis ja iom ledeca, sed ĝi estis bone manĝebla, se oni miksis ĝin kun la platpremitaj terpomoj kaj kun holanda saŭco.


Kolbasoj


Cepoj

La tiamaj tomatoj ruĝegiĝintaj sur breto en la vitrodomo estis bongustaĵoj kompare al la nunaj, kiuj ofte pli similas ruĝaŝelajn rapojn.

La spinaco preparita kun folieto da oksalido, laŭ speciala recepto kun multe da butero kaj tranĉo da pano sur ĝi, molkuirita pasigita tra muelilo kaj miksita kun la platpremitaj terpomoj kun ovaĵo kaj multe da lakto estis unu el la preferataj manĝaĵoj.

Viandon ni aĉetis de *Mil*, la buĉisto. Mi kredas, ke mola bovaĵo ne ekzistis tiutempe: ni kelkfoje maĉis ĝin dum kvaronhoro, kaj fine kaŝe sub la brako transdonis ĝin al *Fani*, nia hundo. Kaj en ĝi multis la "fervojoj" (tendenoj). La porkaĵo ja estis iom pli mola, sed havis pli larĝan grasrandon, kiun ne ŝatis ni, sed *Fani* ja. Do, post iom da ronĝado, kaŝe sub la brakon por *Fani*! Panjo distranĉis nian viandon ĉe sia flanko de la tablo, kaj paĉjo ĉe la alia flanko.

Ni pleje ŝatis kolbasojn sufiĉe trabakitajn. Ilia saŭco servis por plenigi "vulkanojn", kiuj estis la putetoj en la terpoma pureo. Panjo sciis tion, kaj ŝi jam estis aldoninta sufiĉe da akvo al la saŭco por transbordigi ĉiujn vulkanojn.

Kiam temis pri buletoj, ni ŝatis helpi starante sur seĝo apud la gasforno, por ankaŭ ruli iujn. Kompreneble de tempo al tempo iu buleto malaperis en ies buŝeton.

Krom viando ni evidente ankaŭ manĝis ovojn, aŭ la freŝe demetitajn de niaj kokinoj aŭ tiujn konservitajn en la kelo, en ŝtona ujo kun siliciato aŭ kalkakvo. Sufiĉis simple gargari tiujn kaj ili aspektis tute freŝaj. Ankaŭ la ovoj estis preparataj laŭ diversaj manieroj, sed ni preferis omleton. Se ne estis vendredo, foje enestis pecetoj da lardo, aŭ foje askalonpecetoj, sed prefere sen ŝenoprazo. Paĉjo ŝatis "ĉevalokulon" kaj tia ovopreparaĵo foje estis preparata aparte por li. (...)

(daŭrigota) ★



*Roberto Ribeiro*

# La Tupioj

## Enkonduko

Kiel "ĝermano" aŭ "slavo", "tupio" estas tre ĝenerala gentnomo por ĉiuj indianoj, kiuj parolas aŭ parolis lingvojn el la tupia lingvotrunko. Plejparto de la indianoj de la sudamerikaj ebenaj ĝangaloj estis tupioj. Tre malsamaj nacioj, kiel tupinambaoj kaj gvaranioj estas tupioj, do skribi pri ili estas skribi pri ĝeneraligo kiel "eŭropano", "ekssovetiano", aŭ simile. La tupioj mem, kiel multaj aliaj popoloj, ne havis kolektivan nomon por sia gentaro. "Tupio" estas nomo donita de la portugaloj, eble el la tupia verbformo, kiu signifas "ni estas".

## Vivmaniero

Tupioj estis ne veraj agrikulturistoj kaj fiŝkaptantoj, kiuj loĝis en ĝangaloj ĉe grandaj riveroj aŭ maro. Tamen, gvaranioj estis veraj agrikulturistoj, kiuj loĝis en kamparaj ebenaĵoj.

Malgraŭ la ideo de nefakuloj pri amerikaj indianoj, ne estas puraj "ĉasistoj-kolektistoj" en Ameriko, escepte ĉe la polusoj, kie la agrikulturo tute neeblas. Amerikaj antropologoj ĝenerale dividas la indianojn en "veraj" kaj "neveraj" agrikulturistoj. Vera agrikulturo estas kompleksa agado, kiu envolvas ne nur planti kaj rikolti, sed ankaŭ konstrui ujojn por la grenoj, fertiligi [1] la teron, konstrui muelilojn, bakujojn, ktp. Veraj agrikulturistoj devas plani sian vivon por pluvivi inter la rikoltoj, kaj ili ne povas longe vojaĝi, sed elmigri en grandaj grupoj, kiam bezone. Neveraj agrikulturistoj, vivas ĉefe el la ĉaso kaj fiŝkaptado, sed ili havas legomkorton, uzatan nur dum parto de la jaro, kiam mankas al ili naturaj rimedoj. Ili ne bezonas tre fertilan grundon, aŭ grandan agrikulturan areon, nur la sufiĉajn por helpi ilin, kiam fiŝoj, birdoj kaj brutaroj forestas dum sezonaj migradoj. Neveraj agrikulturistoj tre multe vojaĝas kaj ili ne bezonas kompleksan sociorganizon.

## Origino

Oni ne konas la originon de la tupiaj popoloj. La plej nuntempe akceptata teorio diras, ke iliaj prapatroj venis el Karibo tra basenoj de Orinoko kaj Maranjono ĝis la baseno de Amazono, kie ili restis dum jarcentoj, kiel malgranda grupo, ĝis kiam ili malkovris la maniokon.



**João Ramalho kaj unu el liaj mestizaj filoj. Laŭ 19-a jarcenta romantika reprezento de Wasth Rodrigues.**

Malsame ol aliaj manĝeblaj plantoj, oni ne bezonas rikolti maniokon post ĝia maturiĝo. La radikoj nature kreskas senhalte kaj ne putriĝas. Tiel, oni povas planti ilin kaj foriri. Kiam oni revenos, eble post multaj jaroj, oni simple rikoltos la radikojn. Sekve, tupioj povis forvojaĝi al malproksimaĵoj, simple memorigante, kie ili plantis la maniokon.

Post tiu malkovro, tupioj foriris el Amazonio kaj okupis grandan parton de Sudameriko, ĉefe la nunajn Brazilon, Paragvajon kaj Urugvajon. Ili disdividiĝis en du grupojn, la okcidentaj kaj la orientaj tupioj. Ĉi lastaj estas la gvaranioj. Gvaranioj, kiel oni diris, iom post iom evoluis al veraj agrikulturistoj, sed la okcidentaj tupioj plu estis nomadaj.

## Batalemaj tupioj

Ĉirkaŭ 300 p. K., la tupioj eliris el la centra Amazonio kaj longe ekmigris. Ĉie ili trovis antaŭloĝantojn kaj, kvazaŭ la eŭropaj barbaruloj, ili invadis kaj detruis vilaĝojn kaj estiĝis batalema popolo. La milito fariĝis grava parto de ilia ekonomia vivo kaj kulturo. Pro tio, brazilaj arkeologoj nomas la tupiojn "brazilaj romianoj".

Tupioj forigis antaŭulojn el la sudamerika

---

1 Fertila: fruktodona, produktanta naturaĵojn (port.: fértil). Fertiligi: prepari la grundon, por ke ĝi estu fertila (port.: fertilizar). (JJS)



**Tupinambaoj, 16-a jarcenta, gravuraĵo de Hans Staden.**

atlantika marbordo kaj el la bordo de la grandaj riveroj, kiujn ili okupis. Tupiaj triboj ankaŭ ofte interbatalis. Tiu interbatalado tre influis ilian kulturon: tupioj mortigis siajn handikapajn bebojn, la tupiaj viroj evitis troan seksumadon por gardi energion al batalo, kaj la virinoj ofte estis forrabitaj kaj perfortitaj. Tiuj moroj ofte estis ekstremaj. Ekzemple, viroj de kelkaj triboj kastriĝis memvole post la naskiĝo de sia tria vira filo, ĉar ili, kiel multaj batalemaj popoloj, pensis, ke seksumado ilin distras for de milito. Virinoj, kiam ilia tribo malvenkis batalon, mortigis siajn bebojn, ĉar ili estis filoj de malfortaj viroj, kaj ili sekvis la venkantojn por akiri fortajn filojn.

Alia ŝoka moro de tupioj estis la kanibalismo. Oni ne scias la originon de tiu moro. Eble ĝi komenciĝis per la kredo, ke gedioj manĝas la karnon de la kadavroj. Pro tio, ili estis entombigitaj en ceramikaj ĉerkoj, similaj al grandaj kaseroloj. Eble iam ŝamano reprezentis la hommanĝantajn gediojn, kaj poste la moro divastiĝis inter la aliaj homoj. Vere, em kelkaj tupiaj triboj de la nordo, ankoraŭ nuntempe la homoj deziras esti manĝataj de la gedioj, kaj inter la gvaranioj, tiu moro evoluis al tute simbolaj ritoj.

## Tupioj kaj eŭropanoj

Kiam alikontinentano pensas pri sud-amerikaj sovaĝuloj, bonaj aŭ malbonaj, pensas pri tupioj.

Kiam eŭropanoj alvenis Brazilon, trovis unue tupiojn, ĉar ili loĝis ĉe la marbordo. La unuaj francoj, kiuj alvenis al Brazilo, portis al sia lando kelkajn tupinambaojn, kiuj estis intervjuitaj de Montesquieu, kaj inspiris la miton de la Bona Sovaĝulo. Vere, tupioj ne konis privatan propraĵon, ne havis ĉefon, sed regis per viraj asembleoj, ne havis organizitan religion aŭ heredsistemon, kaj vivis per malmultaj posedaĵoj. Tio ĉi estis tre interesa al kleraj filozofoj, kiuj serĉis demokratian kaj egaleman vivon. Alie, katolikaj portugaloj rigardis la tupiojn kiel puraj kaj naivaj, ĉar ili vivis nudaj, kiel Adamo kaj Evo antaŭ la origina peko, ne deziris monon kaj ne zorgis pri la infero. Tiel, multaj pastroj pensis la tupiojn senpekaj infanoj, kiuj bezonis nur la bapton por iri al la kristana paradizo. Jezuitoj alvenis al Ameriko kaj kreis "gvaranian kristanan regnon" en Paragvajo, kiu influis multajn literaturajn kaj filozofiajn verkojn en Eŭropo, kiel *Kandido* de Voltaire.

Aliflanke, kiel batalemaj homoj, tupioj tuj kontraŭbatalis la eŭropanojn, kaj ĉi tiuj kreis pri ili la miton de bestaĉaj sovaĝuloj, kiuj "havis nek reĝon, nek leĝon, nek preĝon", kiuj estis pigraj kaj senanimaj.

Ankoraŭ nuntempaj holivudaj filmoj montras tiun ambaŭsentemon: kelkfoje brazilaj indiĝenoj estas pacemaj kaj saĝaj, alifoje ili estas bestaĉoj, kiuj ĉasas blankulojn tra la arbaro.

## Tupioj kaj koloniado

Ankaŭ tupioj havis fortan dusentemon pri la portugaloj. Unue, kiel batalemuloj, ili miris pri la militkapablo de la eŭropanoj. Sekve, ofte ĉefoj sendis siajn filinojn por akiri bebojn de la blankuloj. Multaj portugaloj edziĝis laŭ tupiaj ritoj kaj havis dekojn da indianaj edzinoj. Unu el tiuj estis la fama João Ramalho, kiu fondis la nunan urbon Santo André, loĝigante tie siajn gefilojn kaj genepojn. Jerônimo de Albuquerque kreis la unuan brazilan armeeton helpate de siaj filoj kaj indianaj boparencoj; ĝi estis sufiĉe granda por eviti la invadon de francoj al Maranhão. Bedaŭrinde, katolikaj pastroj tuj kontraŭbatalis tiun moron kaj postulis la kristanan monogamion.

Alie, tupioj instruis al la portugaloj la kultivadon kaj uzadon de manioko, la ĉasadon, la kuracadon de multaj malsanoj, la uzon de hamako kaj aliajn tre utilajn aferojn, inter ili... la fumadon de tabako. Portugaloj ankaŭ lernis la tupian lingvon, kaj tiel kreiĝis la piĝino "nheengatu" ("parolu tiel" en la tupia), kiu iĝis la kreola lingvo de Brazilo dum kelkaj jarcentoj.

Aliflanke, kiam portugaloj invadis la tupian teritorion por vera koloniado, kreis vilaĝojn kaj komencis agrikulturi, la tupioj reagis milite. Ili atakis kuraĝe la portugalojn sed neniam lernis la uzadon de pafiloj. Multaj el ili mortis pro novaj malsanoj, kaj kelkaj el ili estis sklavigataj. Finfine, ili fuĝis al la internaj arbaroj. La gvaranioj iĝis katolikaj vilaĝanoj en la centro de Sudameriko.

Nuntempe, la okcidentaj tupioj estas kelkmiloj, sed la orientaj tupioj, la gvaranioj, estas milionoj, kvankam ili, kiel aliaj postvivantaj indiĝenaj popoloj, devis akcepti la kristanismon, la eŭropajn leĝsistemojn kaj vivas nuntempe mizere. Brazilaj gvaranioj, pli mizeraj ol iliaj samnacianoj en Paragvajo, ne estas pli ol 30 mil homoj, kiuj ofte memmortiĝas aŭ alkoholiĝas ĝis la morto.





Djalma Pessata

# UNIVERSALAJ KONGRESOJ DE ESPERANTO




## 1923
## *15-a Universala Kongreso de Esperanto*

**Loko:** Nurembergo, Germanio
**Dato:** 2-a ĝis 8-a de aŭgusto
**Aliĝintoj:** 4963
Ĝis tiam, tiu kongreso estis la plej granda Universala Kongreso de Esperanto, rilate al kvanto de aliĝintoj.




### Teatraĵoj Prezentitaj

*Natan, la Saĝulo*, de Gotthom Ephraim Lessing. Prezentis profesiaj geaktoroj el la Urba Teatro de Nurembergo.
*Kabaredo de Literatura Mondo*. Prezentis profesiaj kaj amatoraj hungaraj artistoj: Iren Noiret, Mihály Sarossy, Coronna kaj Anna Pechan, Julio Baghy, Kálmán Kalocsay.

### Ĉu vi scias, ke...

En la jaro de la 15-a UK radiostacioj komencis elsendi en Esperanto. *Heroldo de Esperanto*, unu el la plej gravaj gazetoj en Esperanto, semajna, ilustrita, internacia, estis fondita en aprilo 1920 sub la titolo *Esperanto Triumfonta* de Teo Jung. Ĝi aperis ĉiusemajne ekde la 20-a de novembro 1920, kaj duonsemajne ekde decembro 1924 ĝis la fino de 1925. Dum la 15-a UK, ĝi aperis ĉiutage.



**Polaj partoprenintoj de la 16-a UK. Meze, la pola ambassadoro en Vieno, Zigmunt Lasocki, kaj s-ino Klara Zilbernik. Supre dekstre: Memortabulo en hotelo Himmerand, en Vieno, honore al Ludoviko Zamenhof.**
**(foto Astoria, el la revuo *Światowid*, n-ro 2/1924)**



**Korteg-kastela Teatro**

## *1924*
## *16-a Universala Kongreso de Esperanto*

**Loko:** Vieno, Aŭstrio
**Dato:** 6-a ĝis 14-a de aŭgusto
**Aliĝintoj:** 3400

La 16-a UK okazis sub la prezido de la ministeria konsilanto Minibeck. Ĝi estis la unua el kvar universalaj kongresoj okazintaj en Vieno ĝis nuntempe. La prezidanto de la Loka Kongresa Komitato estis Johann Schröder kaj la ĝenerala sekretario estis Franz Schade. La kongresejo estis la belega Korteg-kastela Teatro.

Tiun kongreson malhelpis la terura ekonomia situacio en multaj landoj kaj precipe en Germanio. Enparte tio estis la kaŭzo de grandega deficito, pagita nur jaron poste.

### Teatraĵoj Prezentitaj

*La Malŝparulo*, de Ferdinand Raimund. Prezentis profesiaj aŭstraj geaktoroj el Burgtheater Wien. *Kabareda Vespero*, amatora trupo "Vesperto".

Ĉu vi scias, ke...



**Zamenhof-monumento en Esperanto-Muzeo de Vieno**

En la kongresa jaro, Hugo Steiner (1878-1969) fondis la gazeton *Aŭstria Esperantisto*, kiun li redaktis kaj eldonis. Dum la 16-a UK, Steiner ankaŭ havis la ideon pri la Esperanto-Muzeo de Vieno, kies fondo okazis nur en 1928.

Rudolf Michael Frey (1885-?) fondis en la kongresa jaro la organizon *Aŭstria Esperantista Pacifista Societo* kaj lerte aranĝis grandan pacifistan manifestacion dum la 16-a UK.

La 16-an UK-n oni komencis prepari en 1923. Ankaŭ vienaj policistoj lernis Esperanton kaj ili portis dum la kongreso brak-rubandon kun la vorto Esperanto.

Ferdinand Hartwitch (1864-1926) estis grava, fama kaj senlaca esperantisto. Li enkondukis Esperanto-kursojn por blinduloj, verkis vortaron por ili en brajlo, gvidis la unuan Esperanto-kurson ĉe Radio Vieno, kaj gvidis por la aktoroj de la Burgtheater kurson por ebligi la prezentadon de *La Malŝparulo*, de Ferdinand Raimund, dum la 16-a UK.

Aliaj gravaj esperantistoj partoprenis en la 16-a UK. Ekzemple, Franz Zwach (1856-1928), Emil Pfeffer (1891-1965), Oskar Zimmermann (1879-?), la kasisto de la 16-UK, Edmund Sós (1863-1931), Otto Simon (1876-1941) kaj Walter Smital, kiu gvidis la duan Esperanto-kurson ĉe Radio Vieno.

En 1922 fondiĝis en Linz la Aŭstria Laborista Ligo (ALL), kies sidejo fondiĝis post unu jaro en Vieno. En 1924, dum la 16-a UK, ĝi estis reorganizita kaj ricevis la nomon Aŭstria Laborista Ligo Esperantista (ALLE). Ĝia unua prezidanto estis Oskar Zimmermann.




## *1925*
## *17-a Universala Kongreso de Esperanto*


**Lidja Zamenhof kaj Marta Root**

**Loko:** Ĝenevo, Svislando
**Dato:** 3-a ĝis 9-a de aŭgusto
**Aliĝintoj:** 953

En tiu kongreso okazis prelegoj de la unua Somera Universitato kaj Zamenhofa memorfesto. Ankaŭ okazis komuna libro-stando, en kiu kunlaboris tri urboj: Lepsiko, Parizo kaj Berlino.

### Teatraĵo prezentita

*Ginevra*, de Edmond Privat, reĝisoris Julio Baghy, ĉefrolis Mihály Sárossy kaj Camilla Starke. Kunludis profesiaj geaktoroj el *Grand Théâtre de Genève* kaj Aleksander Starke, Elsa Haeflinger, Harold Keŝik.

### Lidja Zamenhof akceptis la Bahaismon

Dum la 17-a UK, okazis fakkunvenoj de la bahaaj esperantistoj. Dum kunveno de bahaanoj, D-ro Adelbert Mühlschlegel (1897-1980), en mallonga prelego, klarigis pri la Bahaa Kredo kaj deklaris, ke L. L. Zamenhof donis ekzemplon de la spirito de *Bahá'u'lláh*, kaj ke bahaanoj tutmonde honoras lin kiel majstron kaj fraton. Lidja Zamenhof (1904-1942) konatiĝis kun Marta Root (1872-1939), kiu oficiale reprezentis la Bahaan Religion, kaj konvinkiĝis pri la vereco de la Bahaa Kredo kaj fine akceptis ĝin.





foto de Túlio Flores

# Fromaĝbulkoj

## el Mino, Brazilo *

**Ingrediencoj**

1 kg da maniok-amelo

8 ovoj

1 glaso (200 ml) da olivoleo

2 supkuleroj da butero

2 glasoj (400 ml) da lakto

500 g da raspita duonsekiĝinta blanka fromaĝo

1 supkulero da salo



**Túlio Flores**

***** *Mino* - el la portugala "Minas Gerais", subŝtato de Brazilo

**Preparado**

Verŝu la maniok-amelon en grandan kuvon kaj rezervu ĝin. (Se oni ne havas maniok-amelon, provu per tritikfaruno). En kuirpoto boligu la lakton, la olivoleon, la salon kaj la buteron. Verŝu iom post iom tiun likvaĵon sur la maniok-amelon kaj per granda kulero miksu ĉion ĝis homogeneco. Miksinte, atendu duonhoron ĝis ĝi malvarmiĝos. Poste aldonu la ovojn, unu post la alia, daŭre knedante antaŭ ol aldoni novan ovon.

Aldonu iom post iom la fromaĝon, forte knedante la paston per la manoj. Por doni pli akran guston, vi povas aldoni 50 ĝis 100 g da raspita Parma fromaĝo. Daŭre knedu la paston ĝis kiam ĝi ne algluiĝos al la manoj. Fininte la knedadon, faru el la pasto malgrandajn bulojn, iom pli grandajn, ol tablotenisa pilketo. Distribuu la buletojn sur bakpleto, kun 2-cm-a interspaco. Metu la pleton en antaŭvarmigitan bakfornon, je temperaturo de 210 ºC dum 30 ĝis 40 minutoj, aŭ ĝis la bulkoj fariĝos or-koloraj.

Por konservi la paston en frostujo: farinte la buletojn, distribuu ilin sur pleton kaj metu la pleton en frostujon ĝis la buletoj malmoliĝos. Poste enmetu ilin en laŭcelan sakon kaj remetu en frostujon. Daŭro de konservado: ĝis 3 monatoj. Por baki, sufiĉas preni la buletojn rekte el la frostujo kaj baki kiel supre dirite, en antaŭvarmigita bakforno.



foto de Túlio Flores



**Knedu, knedu, knedu...**



**Interspaco 2-cm-a... nu ĉi tie ne... sed vi detale sekvu la recepton...**

★